al Esperanto kaj poste invitus al kunveno en la jaro 193 . .?

*

Ĉi tiu mallonga skizo pri estonta kunveno rilatas la landojn ĉe la Balta Maro, ĉar per la afabla helpo de samideanoj el Svedujo, Danujo kaj Germanujo ni estas iomete informitaj pri Esperantujo en tiu parto de Eŭropo. Sed la samaj principoj estos aplikeblaj ankaŭ por aliaj partoj, kie regas similaj kondiĉoj, nome kelke da ŝtatoj sufiĉe proksimaj, sed parolantaj diversajn naciajn lingvojn: La Norda Maro (angla, franca, holanda, germana, dana, norvega lingvoj) — la Mediteranea Maro (araba, hispana, kataluna, franca, itala, greka lingvoj) — la Adriatika kaj Levantina Maroj (itala, greka, turka, serba kaj aliaj lingvoj) — Mezeŭropo kaj la Balkanaj landoj.

*

Kion mi skribis, tio estas respondo al afabla demando de D-ro Riedel. Dum la Helsingör-a konferenco ĉiuj esperantistoj estis iom malkontentaj pro la malprogreso de nia universala lingvo, speciale post la entuziasmo montrita dum la antaŭa konferenco en Locarno 1927. Multaj eble inklinas, mallaŭdi s-inon Beatrice Ensor kaj la estron de „N. E. F.", sed ŝajnas al mi, ke oni farus pli bone, ne kritiki tiamaniere. Oni preferu esploradi **la faktojn** (socia-pedagogiajn faktojn) rilate propagandon, rilate malfacilaĵojn okazantajn dum la propagando. Mi estas certa, ke oni atingos sukceson plej rapide, se oni montros praktike la efikon de Esperanto kaj samtempe negative la malbonan situacion de tiuj, kiuj ne scipovas ĝin uzi. Tial tute prave s-ro Morariu prezentis preparajn lecionojn antaŭ la konferencanoj, kiuj ĝis tiam neniam aŭdis pri Esperanto.

*

En Anglujo oni aŭdas proverbon: „The proof of the pudding is in the eating" (t. e. la valoro de pudingo montriĝas dum la manĝado). Ĝi enhavas la principon por psikologio de nova propagando. Ni ne pli longe disputu kun niaj malamikoj, instigante ilin al „kredo"; sed ni uzu nian ilon kaj pruvu la forton de Esperanto kiel fakton. Ni montru, ke Esperanto hodiaŭ kaj de ni mem estas uzata kun profito. La epokon de „kredo" sekvu la epoko de „faroj", de „agado": „Kredo sen faroj estas morta".

Ni klopodu trovi en Esperantujo homojn, kiuj bezonas Esperanton por siaj ĉiutagaj aferoj: lertajn komercistojn ktp. Ni aranĝu internaciajn kunvenojn de instruistoj, en kiuj la membroj uzas nur Esperanton kiel naturan lingvon sen traduko en naciajn lingvojn. Ili efike montros al la tuta mondo, ke nia lingvo ne estas opinio aŭ teorio, sed viva fakto. Kompreneble mia ideo de „nova" propagando **ne** estas originala aŭ io nova: la paĝoj 458—476 de la Jarlibro 1929 sufiĉe montras, ke nia lingvo estas uzata. Sed laŭ mia scio fakaj kunsidoj ĝis nun nur okazis samtempe kaj samloke kun grandaj ĝeneralaj kunvenoj. Mi kredas, ke fakaj kunvenoj (aranĝataj unue de la internaciaj instruistoj) nuntempe devas esti organizataj ne nur kiel propagandiloj, sed ili devas esti postulataj pro la progreso de la fakoj mem. La „malnova" propagando certe ankoraŭ daŭros kaj devos esti daŭrigata, sed la „nova" propagando (permesu ĉi tiun vorton!) ankaŭ devas esti efektivigata en la nova epoko.

---

# Kritiko pri la raporto Boubou

(vidu paĝojn 117—120).

La malsamecon inter la opinioj de Boubou kaj mi kaŭzas la malsama organizo de la instruistoj en konkurencaj asocioj. Ekzemple Boubou estas organizita en la Fédération de l'Enseignement, kiu estas asocia membro de la Internacio de Eduklaboristoj. La Federacio havas klasbatalan karakteron kaj rivalas kaj kontraŭagas al la ĝenerala „neŭtrala"

Syndicat National. Same la Internacio de Eduklaboristoj estas kontraŭulo de la „neŭtralaj“ aliaj internaciaj instruistaj asocioj. En tiu senco de **plena disiĝo de** la ĝenerala instruistaro Boubou volas fondi SAT-edukistan sekcion aŭ esperantistan fakon en Edukintern.

Sed multaj aliaj socialistoj kaj komunistoj estas organizitaj en la ĝeneralaj „neŭtralaj“, „burĝaj“ instruistaj asocioj kaj tie ne nur pagas sian kotizon, sed plej aktive en ili laboras kaj ofte okupas la gvidpostenojn. Ekzemple la Leipziga Instruista Asocio (neŭtrala) en la buŝo de la reakciuloj estas „La Ruĝa Instruista Asocio“. La postrevolucia laborista saksa registaro eldonis lernejan leĝon, kiu signifis plenumon de la antaŭmilitaj deziroj de la ĝenerala **Saksa Instruista** Asocio. La batalo de la ĝenerala Germana Instruista Asocio kontraŭ la reakcia projekto de Regna Leĝo por Popollernejoj grave helpis por faligi la projekton. En n-ro 7/8 de IPR mi jam menciis la opinion de komunistaj instruisto, kiuj **malaprobis** la eliĝon de 3 socialistaj parlamentanoj el la Saksa Instruista Asocio.

En TAGE ni vidas saman laborkomunumon kiel en niaj instruistaj asocioj. En TAGE, en IPR resonu la bataloj, kiujn ni aktive partoprenas en la instruistaj asocioj ĉiulandaj. Postuli eliĝon el TAGE signifas **nei** la pozitivan kunlaboradon en ekz. la Germana Instruista Asocio, la angla National Union of Teachers, la franca Syndicat National, la Svedaj Asocioj ktp. Tia postulo en la nuna momento ne estos akceptata.

En tiu senco SAT ankaŭ ne povas difini TAGE kiel „neŭtralan“ Esperantoasocion, kiun gvidi ne estus permesate al SAT-ano. Same kiel la laborista partioj ne difinas la Germanan Instruistan Asocion kiel neŭtralan profesian sindikaton, al kiu aparteni socialisto estus malpermesata.

Resume: TAGE konformas al la organizo de parto de la „avangardaj“ instruistoj. Nur kiam la tuta organizo estos efektivigita laŭ politikaj principoj, la ekzisto de TAGE perdos sian rajton.

La analizo kaj konkludo de Boubou nur trafas la kamaradojn, kiuj eliĝis el la ĝeneralaj instruistaj asocioj kaj organiziĝis nur en klasbatala asocio.

Mi intence akcentas tion, ĉar fakte la fortoj de la SAT-edukistoj ne sufiĉas jam, por eldoni memstaran gazeton. Kelkaj okazintaĵoj eĉ montras la danĝeran eblecon, ke disiras la kamaradoj en la du malamikajn tendarojn de komunistoj kaj socialistoj. Ankaŭ en SAT!

Tial denove: Prokrastu la krizon!

Goldberg.

---

## SAT-Kongreso Leipzig.

(2 reĝustigoj por la raporto en n-ro 9/10).

1. La frazo „La direkcio konfesas la eldonon de la programbroŝuro mispaŝo“ (pĝ. 117) estas erariga. La koncerna parto de la rezolucio tekstas: „La kongreso 1. konstatinte unuflanke, ke la eldono de „La Laborista Esperantismo“ estis farita laŭ maniero, kiu povis kredigi, ke tiu verketo celis fariĝi la oficiala programo de nia asocio; aŭdinte la konfeson de la direkcio, ke tio estis „mispaŝo“; . . .“ Sekve la **maniero** de la eldono estas nomita „mispaŝo“.

2. K-o Boubou skribas en sia raporto (pĝ 119): „SAT ankaŭ malpermesas al siaj anoj okupi postenojn en UEA kaj en kiu ajn neŭtrala organizo.“ La statuto de SAT ne diras tion. Klaran malpermeson nur esprimas la § 12: „Rajtas esti ano de Sennacieca Konsilantaro, oficulo aŭ reprezentanto de SAT nur k-doj . . . ne aliĝantaj iun el la tiel nomataj neŭtralaj organizoj, celantaj la propagandon de Esperanto, aŭ al iu ajn asocio, kies celo kontraŭas tiun de SAT.“

Goldberg.

---

# Enketoj por IALA.

(Marth Moelke,
sekretariino de „Kunlaborado".)

En la pasinta jaro en la numero 11/12 de „Internacia Pedagogia Revuo" (Novembro-Decembro 1928) mi donis „Raporton pri la ĝisnunaj Enketoj por IALA".

Hodiaŭ, post kiam pasis unu jaro, mi raportu denove, por montri kiel necese estis, organizi la statistikon por la movado inter la instruistoj kaj en la lernejoj rilate ilian sintenadon al Esperanto. La ciferoj de miaj tabeloj montros tion pli detale.

Mi estis forsendinta laŭ mia supre citita raporto precize antaŭ 1½ jaroj „demandarojn" al 1.781 geinstruistoj el 42 landoj.

Mi ricevis ĝis 1-a de Oktobro 1929 (eĉ ankoraŭ nun alvenas respondoj — tio pruvas, ke oni devas tre longe atendi kelkajn respondojn)

527 el 35 landoj,

do, nur de ĉirkaŭ 33% de la adresitoj. Sed inter ili estis feliĉe kelkaj, kiuj komprenas la gravecon de bona statistiko kaj sendis al mi adresojn de esperantistaj gekolegoj. Cetere mi mem kontrolis la gazetojn por konstati laŭ ili aliajn gekolegojn, kiuj estas esperantistoj, kaj ĉerpis adresojn el diversaj listoj, kiujn laŭ mia peto oni sendis al mi. Nun la rezultato estas la jena:

Mi povis konstati la ekzistadon de 4.478 geinstruistoj esperantistaj el 50 landoj.

Bonvolu kompari la suban tabelon A (en ĝi la cifero I signifas la landon, la cifero II la nombron de la instruistoj).

| I | Tabelo A. | II |
|---|---|---|
| 1. | Saksujo | 956 |
| 2. | Germanujo (sen Saksujo) | 853 |
| 3. | Rusujo | 336 |
| 4. | Aŭstrujo | 281 |
| 5. | Ĉeĥoslovakujo | 254 |
| 6. | Svedujo | 219 |
| 7. | Anglujo | 165 |
| 8. | Polujo | 143 |
| *9. | Usono | 131 |
| 10. | Rumanujo | 114 |
| 11. | Danujo | 101 |
| 12. | Francujo | 97 |
| 13. | Jugoslavio | 94 |
| 14. | Nederlando | 93 |
| 15. | Bulgarujo | 92 |
| 16. | Belgujo | 74 |
| 17. | Litovujo | 69 |
| 18. | Finnlando | 67 |
| 19. | Japanujo | 41 |
| 20. | Hungarujo | 38 |
| 21. | Italujo | 37 |
| 22. | Norvegujo | 34 |
| 23. | Estonujo | 32 |
| 24. | Skotlando | 24 |
| 25. | Hispanujo | 23 |
| 26. | Svisujo | 23 |
| 27. | Latvujo | 14 |
| 28. | Ĉinujo | 13 |
| 29. | Irlando | 11 |
| 30. | Libera Urbo Danzig | 9 |
| 31. | Nederlanda Hindujo | 6 |
| 32. | Hindujo | 4 |
| 33. | Argentinio | 3 |
| 34. | Aŭstralio | 3 |
| 35. | Brazilio | 3 |
| 36. | Kubo | 3 |
| 37. | Nov-Zelando | 3 |
| 38. | Alĝerio | 2 |
| 39. | Portugalujo | 2 |
| 40. | Bolivio | 1 |
| 41. | Ĉilio | 1 |
| 42. | Egiptujo | 1 |
| 43. | Islando | 1 |
| 44. | Madagaskaro | 1 |
| 45. | Maroko | 1 |
| 46. | Sirio | 1 |
| | Transporto | 4474 |

* Vidu sur paĝo 136!

| | Transporto 4474 |
|---|---|
| 47. Sudafriko | 1 |
| 48. Insulo Tasmanio | 1 |
| 49. Turkujo | 1 |
| 50. Urugvajo | 1 |
| 50 landoj | 4 478 |

Komence mi intencis eldoni laŭ ĉi tiu tabelo „Adresaron“, sed, ĉar nur treege malmultaj antaŭe promesis aĉeti ĝin, mi rezignis al ĉi tiu plano kaj kontentiĝis je starigo de konfidinda kartoteko.

*

Nia demandaro enhavis ankaŭ demandojn pri lernejoj, en kiuj oni

1. instruis,
2. instruas,
3. instruos

Esperanton. Ĉar preskaŭ ĉiumomente ŝanĝiĝas la situacio, estas malfacile, doni superrigardon super la lernejoj en listo laŭ la is?-, as?-, os?-demandoj. Mi donas tabelon pri lernejoj, kiuj iam ajn jam interrilatis aŭ nun interrilatas kun Esperanto. (La respondoj pri la estonta instruado ŝajnas ne uzeblaj por listo, ĉar ili kelkfoje uzas la vorton „eble“, kaj sur tiun vorton oni ne povas bazigi statistikon.)

La tabelo B montras la lernejojn, en kiuj oni instruis aŭ instruas, aŭ instruis kaj instruas Esperanton. (En ĝi sub cifero I vi trovos la landon, sub II la nombron de la lernejoj.)

Laŭ mia kartoteko ekzistas
712 tiaj lernejoj en 37 landoj.

**Tabelo B.**

| I | II |
|---|---|
| 1. Saksujo | 176 |
| 2. Germanujo (sen Saksujo) | 143 |
| 3. Rusujo | 76 |
| 4. Ĉeĥoslovakujo | 49 |
| 5. Polujo | 47 |
| 6. Japanujo | 28 |
| Transporto | 519 |
| 7. Aŭstrujo | 25 |
| 8. Anglujo | 23 |
| 9. Francujo | 18 |
| 10. Ĉinujo | 11 |
| 11. Estonujo | 10 |
| 12. Finnlando | 10 |
| 13. Nederlando | 10 |
| 14. Italujo | 9 |
| 15. Bulgarujo | 8 |
| 16. Danujo | 8 |
| 17. Litovujo | 7 |
| 18. Rumanujo | 6 |
| 19. Svisujo | 6 |
| 20. Hungarujo | 5 |
| 21. Svedujo | 5 |
| 22. Belgujo | 4 |
| 23. Jugoslavio | 4 |
| 24. Hispanujo | 3 |
| 25. Latvujo | 3 |
| 26. Skotlando | 3 |
| 27. Brazilio | 2 |
| 28. Norvegujo | 2 |
| 29. Sirio | 2 |
| 30. Turkujo | 2 |
| 31. Armenujo | 1 |
| 32. Libera Urbo Danzig | 1 |
| 33. Hindujo | 1 |
| 34. Islando | 1 |
| 35. Nov-Zelando | 1 |
| 36. Portugalujo | 1 |
| *37. Usono | |
| 37 landoj | 712 |

Tre volonte mi aperigus liston de la lernejoj, kiujn enhavas la tabelo B. Eble okaze „Kunlaborado“ povos aperigi ĝin en speciala aldono al Internacia Pedagogia Revuo. Sed tiam

* Pri Usono kaj Nordameriko I A L A decidis enketi mem. Do, ĉi tiu teritorio ne apartenas al nia propra laborkampo. Poste ni certe povos doni la ciferojn de la tuta komuna enketo. Ĉi tie mi tamen citas la ciferojn, havigitajn al mi dum nia komenca laboro, por montri, ke ankaŭ en Usono kaj la cetera norda Ameriko ekzistas Esperanto-instruistoj.

la listo ne jam estus tia, kian ni bezonas, ĉar por multaj lernejoj mi ricevis ne sufiĉe kompletajn respondojn. La listo nur taŭgos, por laŭ ĝi korekti kaj kompletigi la ĝisnunan materialon.

Entute multaj gesamideanoj verŝajne estos kontentaj pri la ciferoj de miaj tabeloj A kaj B, ĉar la ciferoj estas pli grandaj, ol multaj antaŭe imagis al si. Tamen ili ne kontentigas „Kunlaboradon", ĉar oni povas esti certa, ke la materialo entute estas ankoraŭ pli riĉa, kaj oni povas konstati, ke ni en „Kunlaborado" antaŭ definitiva eluzo de nia statistika materialo bezonas ankoraŭ multajn detalaĵojn en pli ekzakta formo.

Niaj kunlaborantoj ne perdu la kuraĝon: „bona afero bezonas tempon". Ĉar ĝis nun rilate statistikajn enketojn en Esperantujo tute ne regis ordo kaj ĉar speciale por la instruista kaj lerneja statistiko ne ekzistis iu ajn centro, iom post iom niaj gekolegoj devas alkutimiĝi al la ideo, ke tia statistiko estas tre bezona kaj utila por ni mem kaj por la propagando, kaj mia ĝisnuna laboro konvinkis min mem, ke ni iom post iom povos havigi kaj al IALA kaj al nia kolegaro tion, kio estas unu el la ĉefaj taskoj de „Kunlaborado".

## Saksaj gekolegoj,

vizitu la jarkunvenon en Zittau 9. 11. 1929.

Por plenumi la dezirojn de niaj orientsaksaj gekolegoj nia ĉefkunveno okazos en tiu ĉi jaro en Zittau kune kun la jarfesto de la Saksa Ligo. Ni kunvenos **la 9. 11. vespere 19.15 h. en Hütters Hotel** (kontraŭe de la ĉefstacio).

Tagordo: 1. Salutparoladoj. 2. Jarraporto. 3. Kasraporto. 4. Elektoj. 5. Parolado de Prof. D-ro Dietterle, direktoro de la Esp.-Instituto por la Germ. Respubliko. (Temo publikigota en la fakaj gazetoj.) 6. Filmo pri Zittau. 7. Diversaĵoj.

Vagonaroj de Dresden al Zittau:

1. Dresden-Hptb. 13.00 h. Dr.-N. 13.12 h. (Bischofsw. Oberoderw.) 15.45 h. Zittau
2. Dresden-Hptb. 13.32 h. Dr.-N. 13.12 h. (Bischofsw. Oberoderw.) 16.36 h. Zittau
3. Dresden-Hptb. 14.48 h. Dr.-N. 15.01 h. Löbau 17.05 (ŝanĝi!) 18.35 Zittau
4. Dresden-Hptb. 16.19 h. Dr.-N. 16.32 h. (Bischofw. Oberoderw.) 19.36 h. Zittau

La vagonaro kvare nomita alvenos nur post komenco de la kunveno!

Gekolegoj! estas ĝenerala konvinko, ke Esperanto venkos per la lernejoj. Ni helpu atingi tiun altan celon! Tial venu grandnombre, kunlaboru kaj havigu al vi novan forton kaj novan entuziasmon.

Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj.

Walther H a h n.

# Organizo de l' korespondado inter ĉiulandaj gekolegoj instruistaj kaj lernantoj.

**(Interkonsente kun IALA kaj kun la laborkomisiono por TAGE kaj IPR.)**

Mi rememorigas mian artikolon en n-ro 4 de IPR paĝ. 46/49. Skribante ĝin, mi intencis ankoraŭ pli detale atentigi en nova artikolo pri la neceseco kaj la ebleco, organizi la korespondadon inter niaj gekolegoj kaj niaj gelernantoj. Sed intertempe mi ricevis respondojn, kiuj montras al mi, ke ne plu estas necese, priparoli principajn demandojn. La ordigo de l' korespondado estas nuntempa postulo. Oni postulis ĝin jam dum la pedagogia konferenco 1922 en Genève. La tiam elektita komisiono ne funkciis kaj entreprenis nenion. Ni nepre bezonas iun ajn centron por la korespondo-afero. La laborkomisiono por TAGE kaj IPR decidis, ke mi kreu

tian. Tamen mi dum kelka tempo devis atendigi la interesulojn. Estis rekomendinde, tre detale pripensi kaj priparoli kelkajn, ŝajne ne gravajn, detalaĵojn. Tre ofte perdiĝis vere bona ideo, kiam oni ĝin kvazaŭ elĵetis en la publikon, ne samtempe montrante, kiamaniere oni aranĝu eksteraĵojn kaj detalaĵojn.

La ĉefa kondiĉo por bona funkciado de nia entrepreno estas: niaj gekolegoj mem korespondu kun gekolegoj el aliaj landoj, por havigi al si la interrilatojn, kiuj ebligas aranĝon de internacia korespondado de infanoj kaj lernantoj. La plej ĝusta vojo kaj plej ideala stato estas la jena: niaj gekolegoj kunlaboru, por kunlaborigi siajn gelernantojn! Cetere, ju pli la gelernantoj laboros libere, des pli ĝojiga por ili estos ilia korespondo-laboro. La instruisto nur aranĝu, konsilu, kontrolu, instigu, proponu temojn ktp. Tiel ni plej bone kaj plej rapide atingos nian celon. Kiu estas nia celo? Ni volas interrilatigi la junularon diverslandan kun eksterlandanoj kiel eble plej frue, por ke la nova generacio ekhavu novan pensmanieron, — pensmanieron, kiu ŝatas la ideojn de mondpaco kaj internacia interkompreno. La celo nur **plej malgrandparte** estos atingata, se la junularo korespondas en **naciaj** lingvoj. Mi aŭdis en Genève, ke la „Ruĝa Kruco" zorgas pri internacia korespondado de l' infanoj. Ĉiu infano skribas siajn leterojn en sia nacia lingvo. Ekzistas oficejo, en kiu oni tradukas la leterojn kaj el kiu la infanoj ricevas la tradukojn. Neniu dubo: tia aranĝo ne kontentigas la infanojn, kiuj nepre deziras rektajn interrilatojn. Tiajn **rektajn interrilatojn** ebligas — eĉ jam por tre junaj lernantoj — **nur Esperanto.**

Se la Esperanto-korespondado inter la gelernantoj funkcias — kaj ĝi fakte funkcios bonege dum sufiĉe lerta aranĝo! — ni, esperantistaj gekolegoj, eluzu tian situacion, por montri al la tuta mondo, ke Esperanto taŭgas kiel internacia lingvo kaj ke ĝi taŭgas kiel internacia ligilo. Tute ne sufiĉas, propagandi Esperanton dum internaciaj diverslingvaj kongresoj. Se la kongresanoj estas sufiĉe inteligentaj kaj bonvolaj personoj, ili principe konsentos la ideon de mondhelplingvo — sed la spertoj de la lastaj jaroj montris, ke **ili mem ne** lernos Esperanton. La situacio tuj ŝanĝiĝos, kiam ili vidos, ke la nova generacio per Esperanto jam atingis tion, kion oni ĝis nun opiniis necesa, sed ne atingebla. Pli ol io ajn alia, la fakto de internacia korespondado de infanoj per Esperanto ankaŭ efikos sur ĉiuj rondoj, asocioj, entreprenoj ktp., kiuj celas novan edukon de la nova generacio. **Precipe ankaŭ IALA deziras eksperimentojn tiajn per mondhelplingvo,** kaj, ĉar ĝi ne kontentiĝas per paroloj kaj vortoj, sed nur per „faktoj", ĝi konsideras la de mi proponitan laboron tre grava. **Ĝi oficiale permesis ke la nova laboro okazu sub la aŭspicioj de nia „Kunlaborado" kun IALA.** Same **Prof. D-ro Bovet** konsentas. Konsentas ankaŭ ĉiuj anoj de nia **laborkomisiono por TAGE kaj IPR** pri starigo de „centro", de speciala oficejo por korespondado por geinstruistoj kaj gelernantoj.

Do, mi hodiaŭ sciigas la gekolegojn de ĉiuj landoj, ke la oficejo ekfunkcios. Bonvolu kunlabori kaj sendi la materialon por vi kaj por viaj lernantoj al la sekretariino de „Kunlaborado":

**Fraŭlino Martha Moelke, Sommerfeld/Niederlausitz, Germanujo.**

Se ni volas speciale helpi la esplorojn de IALA, estos necese, ĉiam pripensi, ke la **ĉefa celo** devas esti la aranĝo de la **korespondado inter la infanoj.** Ĉi tiu tasko ne estas fa-

cila! Ne sufiĉos, anonci klasojn por niaj „rubrikoj“, pri kiuj mi ankoraŭ donos skemojn. Se iu ne intencas, pritrakti la korespondan aferon de siaj gelernantoj kiel daŭran devon, oni nur povas rekomendi, ke li **ne komencu** ĝin. Li eble nur malutilos la interesojn kaj reputacion de nia Esperanto-afero antaŭ la infanoj mem, antaŭ la gepatroj kaj parencoj de l' infanoj, antaŭ la neesperantistaj kolegoj, antaŭ IALA kaj aliaj gravaj asocioj, kiuj interesiĝas speciale pri tiaj aranĝoj — ili eĉ malhelpas la esperantistajn gekolegojn, kiuj laboras serioze. Nia laboro tute ne celas grandan kvanton de kunlaborantoj, sed bonan kvaliton de la laboro.

Pri la tuta plano mi dum la lastaj monatoj korespondis kun la honora sekretariino de IALA, s-ino Alice V. Morris, kiu siaflanke pritraktis ĝin kun la komitatanoj de IALA.

I. a. ŝi skribis al mi:

„Ĉar vi demandas pri miaj deziroj rilate aranĝon de tia oficejo, mi sciigas vin pri kelkaj:

La korespondado inter infanoj kaj lernantoj en lernejoj devus esti aranĝata kun certaj celoj. La sekcio de D-ro Thorndike akcentas ĉi tiun flankon de la interinfana korespondado. La infanoj devus esti kuraĝigataj, interŝanĝi aktualajn informojn kaj rakontojn pri novaj okazintaĵoj, priskribojn de naciaj industrioj, naciaj kostumoj, naciaj festotagoj kaj interesajn geografiajn faktojn. Tiel miaopinie aspektas la korespondado, kiel ĝi jam sukcese estas enkondukita en kelkaj lernejoj de Eŭropo. IPR estu instigata, por publikigi kelkajn de la plej bonaj leteroj, skribitaj de infanoj kaj lernantoj. La formo de tiaj leteroj instigus aliajn infanojn kaj ankaŭ farus la korespondo-oficejon konata ĉe aliaj instruistoj. En amerikaj lernejoj la infanoj kelkfoje estas kuraĝigataj, skribi artikolojn, kiujn oni kolektas, por aperigi ilin en gazetoj; kaj tia laŭda mencio ĉiam estas kaŭzo de fiero por la lernantoj kaj iliaj gepatroj.

La interrilatoj de tia oficejo iom post iom devus esti ampleksigataj, sed mi pensas, ke ni devus komenci kun la kerno de la lernejoj, pri kies kunlaboro vi jam nun estas certa . . . Mi supozas, ke la „Porjunulara Ruĝa Kruco“ ankaŭ interesiĝos por la laboro . . .

Kio rilatas la kunlaboron de amerikaj lernejoj (per CALS), mi momente ne povas multon sciigi al vi, sed mi opinias ke, se vi sukcesus aranĝi centron por tia korespondado inter infanoj, eventuale la amerikaj lernejoj, kiujn ni volas interesigi por ĝi, serĉos ĝian helpon . . .“

La demando aludita de s-ino Morris en la unua alineo estas tre grava. La instruistoj havas la devon, zorgi pri taŭgaj temoj por la infankorespondado kaj instigi la infanojn, ne nur kolekti poŝtmarkojn kaj ilustritajn poŝtkartojn aŭ kuriozaĵojn, sed instigi ilin al serioza korespondado. Iom post iom la infanoj kaj junuloj eble eĉ povos korespondi pri aferoj, kiuj rilatas la ideon de tutmonda paco, pri amikeco inter la anoj de diversaj nacioj, ktp. ktp. Persone mi tre ŝatus, ke ili korespondu ankaŭ pri siaj rilatoj al la bestoj kaj pri protekto al la bestoj, ĉar mi jam ofte spertis tion, ke la sintenado de matura homo al aliaj homoj dependas de tio, kiamaniere li kiel infano pritraktis la bestojn. Ne mankos temoj! Sed la nura propono de temoj ankoraŭ ne sufiĉos, por esti bona „peranto“ por la korespondado de infanoj kaj junuloj. Li devas helpi kontrolante la uzadon de la lingvo, sed tute ne altrudante al la infanoj siajn

proprajn ideojn. Ili skribu, kion ili mem pensas. Li devas instigi ilin, ne tro prokrasti la respondojn. Li devas kontroli la tutan materialon, elekti el ĝi la plej originalajn kaj plej bonajn skribaĵojn, kolekti ilin kaj sendi la de li kolektitan materialon al nia oficejo, por ke ni de tempo al tempo povu aperigi tion, kio estas plej signifa kaj plej impresa por pedagogoj kaj ĉiuj, kiuj sentas la devon, zorgi pri nova eduko de la nova generacio. Kompreneble li ne povas forpreni la letermaterialon al la infanoj, ĉar ili tre ŝatos ĝin. Aŭ li devas peti ilin, pruntedoni por kelkaj tagoj la koncernajn skribaĵojn al nia oficejo, en kiu ni tuj kopiigos ĉion valoran, aŭ li mem devos kopii ĝin, sed ne korektante la lingvon kaj la pensojn. Ni ne volas „ekzameni"!

Cetere nia oficejo jam hodiaŭ povas promesi, ke ĝi de tempo al tempo ne nur presigos la plej interesajn leterojn en IPR, sed ke ĝi ankaŭ donos premiojn por la plej valoraj laboroj. Eble ni povos okazigi voĉdonadon pri la premiindaj laboroj inter la abonantoj de IPR.

Kompreneble ni regule raportos pri la irado de nia entrepreno. La plej ĉefa afero nun estas: komenci!

*

Hodiaŭ vi trovas en IPR specialan aldonon, en kiu ni prezentas en tri rubrikoj la nomojn de la gekolegoj (Rubriko A.) kaj de la gelernantoj (Rubriko B.), kiuj deziras korespondi en Esperanto. Laŭ peto ni aldonas specialan rubrikon (C.) por specialaj deziroj, kiuj ne povas esti encivigataj en la rubrikoj A. kaj B. Mi esperas, ke la rubriko C. iom post iom povos malaperi. Mi ankoraŭfoje akcentas, ke la korespondado de infanoj kaj gelernantoj estas la plej ĉefa afero. Sed la korespondado de gekolegoj ankaŭ estas grava, precipe ĉar oni povas esperi, ke ĝi instigos la gekolegojn, kiuj ĝojas pri siaj novaj internaciaj interrilatoj, ebligi al siaj gelernantoj la saman ĝojon.

Laŭbezone ni regule daŭrigos la eldonon de tiaj folioj. La interesuloj bonvolu kolekti ilin, ĉar ĉiu korespondanta kolego kaj ĉiu korespondanta klaso retenos sian rubriko-numeron. Ni citos poste laŭ ĝi, se estos necese doni pluajn informojn pri deziroj de la koncernaj korespondantoj.

Ĉi tiun artikolon, represitan sur aparta folio, kaj la folion kun la rubriko A. kaj B. ni sendos ankoraŭ al la kolegoj, kiuj jam partoprenas la testolaboron de „Kunlaborado", kaj al ĉiuj lernejoj, pri kiuj ni scias, ke Esperanto estas instruata en ili, fine ankaŭ al ĉiuj gekolegoj, kiuj sufiĉe baldaŭ — kiel novaj abonantoj de IPR — esprimos la deziron, partopreni la laboron proponitan de ni.

Ĉiuj kunlaborantoj estas petataj, je taŭga tempo raporti al ni pri la spertoj faritaj de ili mem aŭ de la korespondantaj lernantoj kaj esprimi deziroj kaj sugestojn, kiuj povas progresigi nian komunan laboron.

D-ro Dietterle.

---

**Internacia Korespondado.**

Ni tre bedaŭras, ke ni devis atendigi vin, estimataj gekolegoj, kiuj vi intertempe anoncis vin aŭ viajn gelernantojn por internacia korespondado. Sed ni devis antaŭ la definitiva starigo de oficiala „Oficejo por Korespondado" interrilati kun IALA pri certaj principoj kaj ankaŭ kun la redakcio de IPR kaj la presejo de IPR. Pardonu la prokraston!

Nun ĉio estas en ordo. La „Oficejo por Korespondado", gvidata de „Kunlaborado" estas preta. En ĉi tiu numero de IPR vi trovos la unuan „Aldonon" kun rubrikoj por korespondado.

D-ro Dietterle,

M. Moelke, sekretariino de ‚Kunlaborado'.

NB. Bonvolu direkti ĉiujn anoncojn, dezirojn ktp. al la sekretariino.

---

**La venonta numero aperos la 1-an de decembro.**

**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

Aldono al IPR.

# Internacia korespondado.

(Organizita de „Kunlaborado“ por instruistoj kaj lernantoj.)



**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

# Skemo por rubriko A: (por gekolegoj).

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

NB. Estas necese, skribi tre legeble kaj per latinaj literoj.

Al 2. nesufiĉas la vorto „instruisto"; estas dezirinde, ke ĉiu tre klare diru, en kia-grada lernejo li instruas.

Al 3. La mencio de l' aĝo ŝajnas rekomendinda pro diversaj kaŭzoj.

Al 4. Ekzistas tre diversaj manieroj, sciigi pri adreso. Ni nepre devas uzi la saman manieron por eviti konfuzojn. Do, ĉiuj estas petataj doni sian adreson laŭ la proponita maniero.

# A

La demandsigno (?) montras, ke pli detala informo laŭ la skemo estas dezirinda.

**N-ro 1.**
1. Mikaelo Abaturov 2. instruisto? 3. ? 4. a) ? b) Poŝto Krasnoje (Briuĥanovo) c) Siberio d) Rusujo 5. gekolegoj el Hindujo, Japanujo, Ĉinujo, Svedujo, Polujo, Svisujo, Germanujo 6. ? 7. —

**N-ro 2.**
1. Nikolao Davydov 2. instruisto (matematiko, fiziko, astronomio) en ŝtata laborlernejo naŭjara 3. ? 4. a) Ĉuĥlinskaja ŝkola b) Perovo c) Mosk. gub. d) Rusujo 5. samprofesianoj el Ameriko (Usono, Centra A., Brazilo) — Afriko (Norda A., Suda A., ins. Madagaskar) — Azio (Hindujo, Hinda-Ĉinujo aŭ Aŭstralazio, Japanujo, Ĉinujo) — Aŭstralio (Suda aŭ Orienta A., Nov-Zelando) — Pacifikoceanaj insuloj 6. astronomio aŭ geografio 7. —

**N-ro 3.**
1. August Fehr 2. instruisto? 3. ? 4. a) ? b) Köln-Bickendorf c) ? d) Germanujo 5. instruistoj francaj, anglaj kaj nederlandaj 6. ? 7. aĝo de la deziritaj korespondantoj 30—45.

**N-ro 4.**
1. P. Glöckner 2. studkonsilisto? 3. ? 4. a) Damaschkestr. 24 b) Pirna-Copitz c) Saksujo d) Germanujo 5. komercinstruistoj 6. ? 7. —

**N-ro 5.**
1. Cyril Furniss Gray 2. instruisto? 3. ? 4. a) „The Bield" b) Ravenstonedale c) Westmorland d) Anglujo 5. korespondantoj (po unu) el Grekujo, Norvegujo, Svedujo kaj Japanujo 6. astronomio (la suno), ĥemio, Esperanto kaj filologio aŭ io ajn 7. —

**N-ro 6.**
1. Kate Hancock 2. ? 3. ? 4. a) 172 Sackville Road b) Hove c) Sussex d) Anglujo 5. gekolegoj? 6. lernejo-manlaboro kaj historio 7. —

**N-ro 7.**

1. K u r t H a u b o l d 2. lernejestro? 3. ? 4. a) Altrockstr. 22 E b) Riesa-Gröba-Elbe c) Saksujo d) Germanujo 5. eksterlandaj gekolegoj 6. iu ajn temo 7. —

**N-ro 8.**

1. A. J. Ĥ i l ĉ e n k o 2. instruktoro de Esperanto? 3. ? 4. a) Poŝtkesto 747 b) Krivoj-Rog c) Ukraino d) Rusujo 5. Afriko, Aŭstralio aŭ Ameriko (po unu)? 6. ? 7. —

**N-ro 9.**

1. H e n r y J o s e f 2. pastro (monaĥo) (adresu: Reverend H. J.) 3. 37 4. a) C. Monastery b) Pulinkunno P. O. c) via Alleppey d) Sud-India 5. katolikaj samideanoj alilandaj 6. ? 7. la korespondanto estas petata preni sur sin la elspezojn por poŝtmarkoj de s-ro Josef, kiu estas tro malriĉa.

**N-ro 10.**

1. J o h a n n e s K a r s c h 2. instruisto en popollernejo 3. ? 4. a) Nr. 108 C b) Niederfriedersdorf c) Amtsh. Löbau i. Saksujo d) Germanujo 5. hungaraj kaj rusaj instruistoj 6. moderna instruo kaj pacifismo 7. —

**N-ro 11.**

1. K u r t L e h m a n n 2. instruisto? 3. ? 4. a) ? b) Gross-Dalzig c) Bez. Leipzig, Saksujo d) Germanujo 5. iu ajn alilandano 6. iu ajn temo 7. —

**N-ro 12.**

1. H a n n s L i e d t k e 2. instruisto en popollernejo 3. ? 4. a) Chausseestr. 6 b) Kalkberge b. Berlin c) — d) Germanujo 5. gekolegoj el ŝtatoj, kiuj dum la mondmilito estis malamikoj de la Germanoj 6. modernaj instruo kaj eduko, eble pri geografio kaj politikaj demandoj 7. —

**N-ro 13.**

1. A r t u r o F. L o r i d o 2. maestro nacional? 3. ? 4. a) ? b) Castropol c) Oviedo d) Hispanujo 5. gekolegoj el ĉiuj partoj de la mondo 6. ? 7. —

**N-ro 14.**

1. G e o r g P i n t h e r 2. instruisto? 3. ? 4. a) Pestalozzistr. 24, II b) Böhlitz-Ehrenberg c) Saksujo d) Germanujo 5. iu ajn alilandano 6. iu ajn temo 7. —

**N-ro 15.**

1. A. P r a p u o l e n i s 2. instruisto? 3. ? 4. a) ? b) Kazlu Rudor c) ? d) Litovujo 5. tutmondaj geinstruistoj 6. fakaj temoj, precipe pri geinstruista sociala vivo 7. —

**N-ro 16.**

1. F e l i x P r i m e t z h o f e r 2. instruisto? 3. ? 4. a) ? b) Neustift apud Grostraming c) Supera Aŭstrujo d) Aŭstrujo 5. eksterlandaj gekolegoj 6. ? 7. —

**N-ro 17.**

1. K u r t R e i n h a r d t 2. instruisto? 3. ? 4. a) Bahnhofstr. 40 b) Lindenthal bei Leipzig c) Saksujo) d) Germanujo 5. iu ajn alilandano 6. iu ajn temo 7. —

**N-ro 18.**

1. K a r l S c h m i d t 2. instruisto en popollernejo 3. ? 4. a) ? b) Niederschöna c) Saksujo d) Germanujo 5. ĉiulandaj gekolegoj 6. porpaca instruado 7. —

**N-ro 19.**

1. R. S i k o r s k i 2. provizora laboratoriestro ĉe oleuzino, kiu finis fakon matematikan kaj fizikan de la Pedagogia Fakultato en la Universitato 3. ? 4. a) Dmitrievski per. 18 b) Orenburg c) ? d) Rusujo 5. instruistoj de matematiko, fiziko kaj kemio en duagradaj (mezgradaj) lernejoj 6. instruado de la suprenomitaj sciencoj 7. deziras ricevi anglajn kaj francajn gazetojn pri la temo.

**N-ro 20.**

1. S. P. S i n i c k i j 2. instruisto? 3. ? 4. a) Poŝtkesto 264 b) urbo Zinovjevsk c) ? d) Rusujo 5. geinstruistoj el Egipto, Suda aŭ Centra Afriko, Aŭstralio 6. ? 7. —

N-ro 21.

1. Ernst Steude 2. instruisto? 3. ? 4. a) Bahnhofstr. 11 b) Lindenthal bei Leipzig c) Saksujo d) Germanujo 5. iu ajn alilandano 6. iu ajn temo 7. —

N-ro 22.

1. Julie Šupichová 2. faka instruistino? 3. ? 4. a) Malá Štepánská 6 b) Praha II c) — d) Ĉeĥoslovakujo 5. gekolegoj el nordaj landoj, precipe Anglujo, Skandinavio, Danujo, Nederlando 6. ? 7. deziras interŝanĝon de esperantistaj kaj naciaj gazetoj.

N-ro 23.

1. Nikolao Paulido Usov 2. instruisto en unuagrada lernejo 3. ? 4. a) st. Zaozerje b) vilaĝo Doriŝĉi c) Okt. ĵel. dorogi d) Rusujo 5. geinstruistoj japanaj, ĉinaj, persaj, afrikaj, malajaj ktp. 6. ? 7. —

N-ro 24.

1. A. Vagner 2. ? 3. ? 4. a) ŝkola N-ro 2 b) Narofominsk c) Mosk. gub. d) Rusujo 5. geinstruistoj el ĉiuj landoj, escepte Rusujo 6. ? 7. —

N-ro 25.

1. A. Valouŝek 2. instruisto? 3. ? 4. a) Tyrŝova 19 b) Brno-Kral. Pole c) ? d) Ĉeĥoslovakujo 5. rusoj, poloj, bulgaroj? 6. moderna laborlernejo 7. ŝanĝas pedagogiajn gazetojn.

N-ro 26.

1. Erich Vockert 2. instruisto? 3. ? 4. a) Leipziger Str. 60 b) Markranstädt bei Leipzig c) Saksujo d) Germanujo 5. iu ajn alilandano 6. iu ajn temo 7. —

N-ro 27.

1. L. Weyts 2. instruisto en popollernejo 3. ? 4. a) Auvergnestraat 20 b) Bergen op Zoom c) — d) Nederlando 5. Katolikaj geinstruisto el ĉiuj landoj, escepte Belgujo, Polujo kaj Nederlando 6. ? 7. —

N-ro 28.

1. Willy Zerbst 2. instruisto? 3. ? 4. a) Hauptstr. 76, II b) Oetzsch bei Leipzig c) Saksujo d) Germanujo 5. iu ajn alilandano 6. iu ajn temo 7. —

N-ro 29.

1. Vincentas Miliauskas 2. instruisto 3. ? 4. a) — b) Ziuriai, poŝto Slavikai c) Litovujo 5. gekolegoj el div. landoj 6. iu ajn temo 7. —

## Skemo por rubriko B: (por gelernantoj).

1. Lando kaj loko de la lernejo?
2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?
4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun?
6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto“, kiu aranĝos la korespondado-aferon?

NB. Al 2 estas nepre necese diri, kiu estas la grado de la koncerna lernejo, ĉar la korespondado funkcios nur inter iom egalinstruitaj lernantoj.

Al 3. Nepre necese!

Al 4. Vidu al 2.!

Al 5. Kie la lernantoj ne elektas korespondantojn el speciala lando, oni simple diru „kun ĉiuj landoj“.

Al 6. Verŝajne specialaj deziroj estos konstateblaj nur dum la korespondado mem.

# B

**N-ro 1.**
**Germanujo** 1. Köln-Bickendorf 2. ? 3. ? gelernantoj 4. 14—20-jar. 5. samaĝaj gelernantoj de ĉie 6. universalaj temoj 7. instruisto August Fehr, Köln-Bickendorf, Germanujo.

**N-ro 2.**
**Germanujo** 1. Leipzig C 1, Zillerstr. 9 2. Esperanto-kurso de la 27-a lernejo? 3. 18 lernantinoj kaj 4 lernantoj 4. ? 5. infanoj el ĉiuj landoj, pref. Anglujo, Francujo kaj baltikaj landoj 6. interŝanĝo de p. k., p. m., desegnaĵoj, manlaboroj, fotoj (seriozaj) 7. instruisto Robert Räuber, Leipzig C. 1 (Sachsen), Fuchshainerstr. 8, III l., Germanujo.

**N-ro 3.**
**Germanujo** 1. Mainz 2. Marienschule? 3. ? lernantoj 4. ? 5. geknaboj el eksterlando 6. ? 7. instruisto Albert Läufer, Mainz, Willigisplatz 2, Germanujo.

**N-ro 4.**
**Germanujo** 1. Niederfriedersdorf (Saksujo) 2. popollerneja klaso ? 3. ? 4. ? 5. eksterlandaj gelernantoj 6. ? 7. instruisto Johannes Karsch, Niederfriedersdorf 108 C, Amtsh. Löbau, (Sachsen), Germanujo.

**N-ro 5.**
**Germanujo** 1. Pirna-Copitz (Saksujo) 2. ? 3. 10 gelernantoj 4. 15—17 jar. 5. samaĝaj geknaboj, tute egale el kiuj landoj 6. ? 7. studkonsilisto P. Glöckner, Pirna-Copitz (Sachsen), Damaschkestr. 24, Germanujo.

**N-ro 6.**
**Germanujo** 1. Riesa/Elbe (Saksujo) 2. mezlernejo 3. ? geknaboj, lernantaj anglan kaj francan lingvojn 4. 15—19 jar. 5. seriozaj eksterlandanoj 6. plej diversaj temoj 7. Esperanto-Kursoj en Oberrealschule, Riesa/Elbe (Sachsen), Germanujo (studkonsilisto D-ro Döhler).

**N-ro 7.**
**Germanujo** 1. Berlin-Niederschöneweide 2. popollernejo vivkomuneca 3. 4 ekslernintoj, 2 junuloj, 2 junulinoj (3 el ili eksiĝis el la lernejo antaŭ 1 jaro, unu nun) 4. 15—16 jar. 5. samaĝaj gejunuloj el fremdaj landoj 6. profesioj de maŝindesegnisto kaj laborilfaristo (por la junuloj) 7. instruisto Bruno Herzberg, Berlin-Niederschöneweide, Köllnische Str. 51, Germanujo.

**Italujo** 1. Castellazo Bormida (Alessandria) 2. ?

**N-ro 8.**
3. a) kursano Bruno Andrea, adreso: Via Cappuccini

**N-ro 9.**
b) Orsini Pietro di Giuseppe, adreso: Ponte S. Michele

**N-ro 10.**
c) Poggio Giuseppe, adreso: Pasticceria

**N-ro 11.**
d) Prati Luigi, adreso: Via Gamondio

**N-ro 12.**
e) Sardi Paolo, adreso: Ufficio Postale
4. ? 5. alilandanoj 6. iu ajn temo 7. —

**N-ro 13.**
**Jugoslavujo** 1. Maribor 2. pedagogia lernejo 3. ? instruaspirantinoj 4. ? 5. alilandanoj 6. iu ajn temo 7. instruistino (f-ino) Viktorino Lichtenwallner, Maribor, Tomŝiĉev dror. 123 a, Jugoslavujo.

**N-ro 14.**
**Litovujo** 1. Kazlu Rudor 2. ? 3. ? lernantoj 4. ? 5. eksterlandaj gelernantoj 6. interŝanĝo de pedagogiaj objektoj, facile transsendeblaj manlaboraĵoj kaj alia kolektaĵo 7. instruisto A. Prapuolenis, Kazlu Rudor, Litovujo.

**N-ro 15.**
**Rusujo** 1. vilaĝo Doriŝĉi, st. Zaozerje (Okt. ĵel. dorogi) 2. lernejo? 3. ? lernantoj 4. 8—12 jar. 5. gelernantoj japanaj, ĉinaj, persaj, afrikaj, malajaj ktp. 6. iu ajn temo 7. instruisto Nikolao Paulido Usov, vilaĝo Doriŝĉi, st. Zaozerje (Okt. ĵel. dorogi) Rusujo.

**N-ro 16.**
**Rusujo** 1. poŝto Krasnoje (Brjuĥanovo) Siberio 2. ? 3. ? gelernantoj 4. ? 5. gelernantoj el Hindujo, Japanujo, Ĉinujo, Svedujo, Polujo, Svisujo, Germanujo 6. iu ajn temo 7. instruisto Mikaelo Abaturov, poŝto Krasnoje (Brjuĥanovo) Siberio, Rusujo.

**N-ro 17.**
**Rusujo** 1. Narofominsk (Mosk. gub.) 2. ŝkola N-ro 2 (infana esperanta grupo 3. ? 4. ? 5. infanoj el ĉiuj landoj, escepte Rusujo 6. iu ajn temo 7. instruisto A. Vagner, Narofominsk (Mosk. gub.), Rusujo.

**N-ro 18.**
**Usono** 1. Minneapolis (Minnesota) 2. klaso de knabinoj ? 3. ? 4. ? 5. eksterlandaj knabinoj 6. iu ajn temo 7. instruistino (s-ino) D. D. Whiting, 3146 Johnson Str. Minneapolis (Minnesota) Usono.

**Rim.** N-roj B 8—12 ne plu bezonas korespondantojn.

# Skemo C:

Ne povas esti starigata, ĉar la deziroj estos tre diversaj. En ĉi tiu rubriko oni anoncu siajn dezirojn, ordigante la sciigojn laŭeble same kiel en skemo A. aŭ B.

# C

**N-ro 1.**

Wil Bedwell, oficisto, Riversdale Road, Hull, (Anglujo) deziras korespondi kun germanaj esperantistoj (esperante kaj germane) pri teniso, naĝado kaj alia sporto. Aĝo 25—27 jar.

**N-ro 2.**

Johanna Mischke, lernantino de Radeberger Realschule, Sexta, aĝo 10½ jaroj, en Radeberg i. Sa., Mühlstr. 15 (Germanujo) deziras kun la tuta mondo interŝanĝon de ilustritaj poŝtkartoj aŭ bildoj, gvidiloj ktp. (seriozaj bildoj de tipaj regionoj, urboj, kostumoj por interesigi la aliajn infanojn por Esperanto).

**N-ro 3.**

Maria Vittoria Carassa, lernantino, 12 jara, Castellazzo Eormida (Alessandria), Italujo, deziras korespondi kun alilandaj gelernantoj, precipe lernantinoj.







**Korespondado.**

J. Pawlowczak, instruisto de surdmutuloj, Poznan, ul. Strzelecka n-ro 28-a, Polujo, deziras korespondi kun tutmondaj samfakanoj, kaj petas ĉiujn gekolegojn eventuale komuniki lin kun instruistoj de surdmutuloj.

**Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.**